9a JARO 1912. ★ AŬGUSTO 1912.

Unum ovile et unus pastor.
Unu ŝafejo kaj unu paŝtanto.
(JOH., X, 16.)

# ESPERO KATOLIKA

INTERNACIA MONATA GAZETO, OFICIALA ORGANO de I. K. U. E.

## AL ĈIUJ KATOLIKAJ ESPERANTISTOJ.

### VENU AL BUDAPEST!

*Tre karaj gesamideanoj!*

Jen alproksimiĝas la dato de nia Tria Katolika Esperantista Kongreso.

Vi ne forgesis kiel belaj, kiel agrablaj al niaj koroj de katolikoj esperantistaj estis la du antaŭe okazintaj kongresoj; vi konstatis, ĉefe, kian frukton por nia duoble kara afero ili portis en la landoj, kie ili okazis: nenia teoria argumento, nenia prediko povus esti pli efika ol tiaj manifestacioj, por komprenigi al la katolikoj la necesecon de internacia unuiĝo, kaj la utilecon de Esperanto por tiu celo.

Tion, kion ni montris en Parizo kaj en Hago, ni montros denove en Budapest. Sed por ke la elmontrado estu trafa, necesege estas, ke vi el plej multaj, el plej diversaj nacioj, venu Budapeston, kaj partoprenu en nian kongreson.

*Venu do al Budapest! Venu multnombraj!*

Nenia urbo povus esti pli taŭge elektita ol Budapest por

tia kongreso. Ni celas unuigi per la sama lingvo katolikojn, kiuj parolas plej diversajn lingvojn: Budapest estas en centro de regiono, kie la plej malsimilaj lingvoj estas parolataj!

Ni celas unuigi en la saman ŝafaron la disigitajn Eklezioјn de l' Oriento: Budapest estas la pordo de l' Oriento. Plue ĝi estas katolika urbo, sanktigita per la meritoj de S-ta Stefano kaj de la ĉarmega Sanktulino Elizabeth, reĝino de Hungarujo.

Kio do povus malhelpi, ke ni partoprenu en tiu 3-a kongreso?

La loka komitato zorgis, por ke la elspezoj dum la restado estu plej malmulte kostaj: *senpagaj ĉambroj*, malkaraj manĝoj, k. t. p.

La regionoj transirotaj de ni estas plej belaj, plej pitoreskaj kaj ne similaj al tiuj, kiujn ni kutimas vidi.

Ĉio, absolute ĉio nin do invitas partopreni en nia Tria kongreso, en tiu *tria festo de forta*, *intima frateco katolika kaj esperantista.*

Karaj gesamideanoj, se vi ankoraŭ ne decidis iri Budapeston, tuj decidu, senhezite.

*Venu al nia Tria Kongreso!*

Cl. COLAS,
Konstanta sekretario de la katolikaj esperantistaj kongresoj.

---

## POR LA OKA KONGRESO.

Nia kara Prezidanto, P-ro RICHARDSON, komisiis al mi zorgi por katolikaj kunsidoj dum la Oka Kongreso. Mi rilatigas por tiu celo kun la Loka Komitato, kaj afiŝigos en aŭ apud la *Akceptejo*, por ke ĝi estu videbla de ĉiuj, la anoncon de niaj specialaj kunvenoj. Mi insiste petas ĉiujn amikojn niajn, kiuj iros al Krakovo, *nepre ĉeesti en tiuj kunvenoj.*

Mi speciale petas, ke la Krakovaj katolikaj samideanoj

sin konigu al ni kaj nin helpu plej multe, ĉu por tiuj kunvenoj, ĉu por specialaj kunvenoj farotaj *por propagando* en la urbo. Grandan sukceson havis en Barcelono la kunvenoj propagandaj, kiujn ni faris en la kunvenejo de la *Joventut katolika,* kie oni paroladis parte en la nacia, parte en la internacia lingvoj.

Tiuj el niaj samideanoj loĝantaj en Krakovo, kiuj intencas zorgi por aranĝi en la urbo tiajn kunvenojn dum la kongreso, bonvolu skribi al mi

Cl. Colas,
20, rue d' Angoulème, Paris.

---

## KOMUNIKO AL LA FRANCAJ SAMIDEANOJ.

Kvankam mi decidis baldaŭ reaperigi *l' Esperantiste Catholique,* mi uzas nian internacian organon por fari al miaj karaj samlandanoj plej insistan inviton por la 3-a kongreso. Mi konsilas, ke, por tiu vojaĝo, ili petu *internacian rondirantan bileton* („billet circulaire international") kiu: 1-e. havigos al ili *rabaton*; 2-e. ebligos, ke ili haltu kie *kaj kiam ili volos* sur la vojo: 3-e. transirigos kaj vidigos al ili *ĉiam novajn regionojn.* El Parizo, la vojaĝo *por la du kongresoj* (Paris, Strasburg, Munich, Vienne, Krakovo, Budapest, kaj reveno tra Tirolo kaj Svisujo) ne kostos pli ol 130 aŭ 140 frankojn.

Por la kongreso de Budapest, la kosto de la tuta rondiranta vojaĝo tra la mirinde belaj regionoj de Bavarujo, Aŭstrujo, Hungarujo, Tirolo kaj Svisujo kostos proksimume 110 frankojn. Kiel estas videble, la vojaĝo estas tre farebla eĉ de neriĉaj personoj Cl. C.

---

# Esperanto kaj Estontaj Pastroj.

Gesinjoroj [1])

Estas granda honoro por mi paroladi, kiel simpla studento, tie-ĉi, dum kunveno, kiu ankaŭ aŭdas konatajn parolantojn, kiel S-ro Pastro POELL — kiel S-ro DAMEN kaj lia kapitana moŝto VAN ERP.

Mi memsciaS, ke miaj vortoj ne estas tiel belaj kiel la iliaj — kaj mi demandas, ke vi senkulpigu min pro tio. Estu mia paroladeto la humila florfolieto sur la kristala pokalo, kiun ili plenigas kun ilia trembrilanta elokvento. Mi venas paroli al vi, de miaj idealoj.

La junularo devas porti ilin en sia koro — juneco senideala estas sensuka printempo. Idealoj estas en la vivo kiel sunlumegaj tagoj — kiel bluaj noktoj, kun ora stelpluvo — kiel ĝojigantaj floroj. La juneco, tiu majo de l' vivo, devas esti plena de ĝi. Mi, kaj miaj Uden'aj kunstudentoj, ni havas idealojn.

Ni esperas esti en la estonto pastroj de Dio; tio estas la kordeziro de nia vivo.

Sed por esti iam bonaj pastroj, ni klopodas jam nun esti noblaj homoj, kiuj simpatias kun ĉio, kiu estas bela kaj bona. Tial ni havas, krom nia pastra idealo ankoraŭ aliajn, ekzemple: la arton — la agadon por: Honoro kaj Virto — la kontraŭalkoholismo — la Esperantismon, jes, ankaŭ Esperantismon. Ĉar, kiel ni amas la muzikon, la pentrarton, la literaturon precipe pro ilia beleco — tiel ni amas Esperanton precipe pro ĝia utileco rilate al ni. Tiun

[1]) Tiun ĉi paroladon de juna studento el Kolegio de la Pastroj de la Sankta Kruco en Uden'o (Nederlando) ni ĝuis dum la granda vespera propaganda kunveno okaze de la regiona Esperanta-Tago en Veghel. La juna oratoro ricevis plene meritıtan aplaŭdon de la multnombraj ĉeestantoj, esperantistoj kiel ne-esperantistoj. Niaj legantoj sendube ankaŭ legos ĝuante la belan paroladon, kvankam al ĝi, presita, mankas la vivan, noblan geston, la belan, fluan elparoladon, la muzikon de talentplena deklamado.

REDAKCIO.

fakton, ke Esperanto estas utila por ni, estontaj pastroj, mi klopodos iomete pliklarigi.

Nia vivo havas du ĉefperiodojn: la unua estas la periodo de preparado, de studo — la dua estas la periodo de praktika pastra agado.

Ŝajnas nun al mi, ke Esperanto povas plibonigi kaj tiun preparon, kaj tiun agadon. Rilate al la unua periodo mi almenaŭ, kaj miaj kunstudentoj Uden'aj jam de longe konstatis jenajn tri profitojn de Esperanto: unue ke ĝi klerigas la spiriton — due ke ĝi plilarĝigas nian sciencon de la katolika movado tutmonda — trie ke ĝi plifaciligas publike paroli.

Unue do Esperanto lernas analizi, klarigas la spiriton. Vere, por esprimi sin en Esperanto, oni devas pensi — oni devas rezonadi.

Vivanta lingvo ne tiom postulas tion. Oni povas paroli ĝin, kiam oni nur scias parkere ĝiajn vortojn, esprimojn, regulojn, ofte arbitrajn kaj mallogikajn. La studado de vivantaj lingvoj estas precipe ekzercado de la memoro, apogas precipe sur la memoro, kaj tio estas la kaŭzo de ĝia malfacileco.

La studado de Esperanto estas tute kontraŭa. Tie oni ne povas ĉerpi el sufiĉego da vortoj kaj esprimoj dum la jarcentoj formitaj — oni nur havas malmulte da simplaj reguloj kaj malgrandan nombron da radikoj.

Tamen la studado de Esperanto estas pli facila ol tiu de ia vivanta lingvo, ĉar per la antaŭdiritaj simplaj iloj ni logike mem povas formi vortojn kaj esprimojn. De tio la neceso de rezonadi, de analizi.

Kiam mi ekzemple volas Esperante traduki la holandan esprimon: *in de bres springen*, mi ne povas traduki laŭvorte: *en la truon salti*. Kiam mi estus farinta tion, eble holanda Esperantisto komprenus min — sed Esperanto ne estas holanda, ĝi estas internacia. Tial mi devas klopodi por traduki ne la naciajn esprimojn, sed la ideojn signifitajn per ili.

Mi do antaŭe devas demandi: „Kia agado estas signifita per tiu holanda esprimo: in de bres springen?"

Mi devas malligi mian spiriton de la vortoj por serĉi la ideon kaj post pripenso mi konkludas, ke la plej simpla signifo de: „in de bres springen", estas: helpi.

Mi trakudas do per: helpi, kaj tiam ĉiu Esperantisto komprenos min. Tia necesa rezonado por esprimi sin Esperante faras la studadon de nia helplingvo taŭgan ilon por lerni analizi — por klerigi la spiriton.

Tio nun estas granda profito por estontaj pastroj. Ĉar la nuntempa progreso postulas de pastroj pli kaj pli larĝan klerecon, por rekte kaj momente juĝi aferojn — personojn kaj situaciojn.

La dua frukto de Esperanto, kiun ni jam eksperimentas dum niaj studentaj jaroj, estas ke ĝi plilarĝigas nian sciencon de la Katolika movado, de la Katolika vivo tutmonda.

Ĉar legante la Katolikan Esperantan gazetaron ni ĉiam konstatas la florantan vivon tutmondan de nia sakta religio.

Ni sciiĝas ke en Ameriko, en Hispanujo, Rusujo, Germanujo kaj ĉie, homoj, katolikaj kiel ni, kontraŭbataladas la ŝamon malkredulecon — adoras la saman triunuan Dion — honoras la saman senmakulan Dipatrinon. Ni pli bone sentas la katolikecon de la katolikismo.

Tio ankaŭ estas profitega por estontaj pastroj.

Ĉar pastroj, pli verŝajne ol laikoj, estos objekto de moko kaj insulto pro ilia religio.

Tiam la cetereco ke la Eklezio, kiun ili servas kaj amas, tutmonde floregas — kuraĝigos, fortigos kaj fierigos ilin.

Trie, kiel mi diris, Esperanto havigas pli malpli facilecon por paroladeti.

Tio estas sendube vera, kiam oni almenaŭ agadas kiel ni. Semajne ni kunvenas.

Kaj, vintre sur la klaspodio, somere sur ia monteto sub la ondantaj abioj de niaj vilaĝaj arbaroj, ĉiu inter ni pritraktas ian temon Esperante. Estas klara, ke ju pli ofte oni faras tion, des pli facile oni faras ĝin.

Tiamaniere iom post iom plifaciliĝas paroladi kaj fine oni tute ne plu timas por pritrakti ian temon aŭ diri sian opinion publike.

Ankaŭ tiu lasta frukto de Esperanto estas utilega por ni kiel estontaj pastroj.

Ĉar cetere pastroj devas esti viroj de la agado, sed ne malpli estas ilia tasko disvastigi la honoron de Dio per la bela vorto.

Jen, gesinjoroj, kelkaj faktoj, per kiuj Esperanto estas utila por ni, dum nia unua vivperiodo. Sed ne nur por nia preparo — ankaŭ por la periodo de praktika pastra vivo Esperanto tute ne estas senfrukta.

Unue ekzemple ĝi povos servi nin por defendi nian propran pastran honoron.

Ĉar malfeliĉe, en preskaŭ ĉiuj landoj, la nekatolika preso, ĉu erarigata de trompistoj, ĉu kun intenca malico, ofte publikigas mensogajn akuzojn kontraŭ katolikaj pastroj.

Kiel taŭgega ilo estas tiam Esperanto por informi ĉiujn pri la vereco.

Tion bonege komprenis sinjoro Pastro DOWLING, kiam li envokis la helpon de la katolika Esperantistaro dum Nia Dua Kongreso por lia: Internacia Katolika Unuiĝo de Defendo: International Catholic Defence Union.

La kongreso simpatiis kun li kaj esprimis jenan deziron: ke estu fondata tutmonda asocio, kiu, efike uzanta la internacian lingvon kaj la helpon de la multnombraj delegitoj de Esperantistoj societoj en ĉiuj landoj, povu rapide kaj konvinkige refuti ian ajn malveran akuzon kontraŭ menbroj de la katolika pastraro. [1])

Estas ebla ke oni nin ankaŭ insultos — tial ni estontaj pastroj lernas Esperanton por defendi nin mem.

Due estas preskaŭ necesa, ke pastroj estu lertaj pri Esperanto por sukcese batali la bonan bataladon kontraŭ la nekatolikismo.

Kiam ekzemple en ia paroĥo la radikaluloj agados kontraŭ la Katolika Eklezio Esperante — kiam ili ekzemple fondas Esperantan gazeton en kiu ili insultas nian religion — la misterojn de nia sankta kredo — nian papan moŝton — tiam la paroĥestro — la pastro devas esti Esperantisto por

[1]) Espero Katolika, Oktobro 1911, p. 212.

scii la argumentojn de liaj malamikoj — por kontraŭba tali ilin samile.

Tial ni, estontaj pastroj, lernas Esperanton, por estonte, se bezone, defendi nian religion — por defendi vian karan papan moŝton — por defendi la orvalorajn animojn de niaj kreduloj

Trie, Esperanto povas helpi la pastraron por vere kaj plene realigi la ordonon de Kristo: iru, kaj instruu ĉiujn popolojn!

Estas tiel multe da pastroj, kleruloj, kun sankta fervoro por la animoj. En ilia cirkaŭaĵo sendube iliaj vortoj, klaraj kaj tremantaj de amo, konvertigas multajn malfeliĉajn erarigitojn.

Sed kiel pli multe da malkreduloj ili povus gvidi de l' nokto de la malkreduleco al la varmiganta lumego de nia sankta kredo — kiam ili estus lertaj pri Esperanto.

Ni tiom esperas, por la disvastigo de nia sankta kredo, de l' Esperantismo de la pastraro, kiom ni esperas por ĝi de la ĵus eldonita libreto: Kie estas la Eklezio de Kristo.

Tial ni, estontaj pastroj, lernas Esperanton por ke, en la estonto, ankaŭ per Esperanto, ni kunlaboru pli malpli al la realigado de nia devizo: Unu ŝafaro kaj unu Paŝtisto.

Jen, gesinjoroj, kion ni, estontaj pastroj, jam nun ĝuas per Esperanto, kaj kion ni esperas de ĝi por la estonto.

Jen la kialoj de nia ama por la internacia lingvo. Estis plezurega por mi klarigi tion iomete al vi. Unue, sendube, ĉar oni volontege parolas pri tio, kion oni amas. Sed ankaŭ, ĉar tiamaniere mi havis la okazon por sciigi al vi, ke ni, malantaŭe la muroj de nia kolegio, lernas, studadas kaj amas Esperanton kiel vi mem — ke ni simpatias kun via laborado — ke ni gratulas vin pro via sukceso, ke ni esperas pligrandigi iam viajn rangojn, por ke, per la neniam fatigota laborado de ni ĉiuj Esperantistoj, estu ĉiam kaj ĉie, kaj per ĉiuj pli kaj pli laŭdata Jezu Kristo!

UDEN, Nederlando. H. HEESBEEN.

# Esperanto kiel Servanto de Katolikismo.[1]

Kiam la Esperanta lingvo, foriginte unuajn malhelpaĵojn, kaj ne longe poste venkinte ĉiujn barojn starantajn kontraŭ ĝia disvolviĝo, komencis fari pli kaj pli vastajn rondojn en ĉiuj landoj de Eŭropo. kiam francoj, angloj, germanoj, italoj kaj hispanoj, ekkoninte la praktikan valoron de Esperanto, ekakceptis ĝin gasteme, kiam la Esperantaj kluboj, societoj, ligoj kaj kune kun ili la Esperantaj gazetoj, revuoj kiel fungoj post falinta pluvo ĉie komencis aperadi, kiam fine la malamikoj mem de la sankta Eklezio t. e. framasonoj, anarĥistoj, socialistoj kaj liberpensuloj, ekrimarkinte en ĉi tiu nova elpensaĵo de 19-a jarcento la novan mortecan ĵetilon, la novan armilon kontraŭ la malamika „papismo", per ĉiuj fortoj ekkomencis propagandi la esperantan movadon, tiam sole la Katolikoj, duonferminte siajn okulojn, kun mieno malŝatanta ĉi tiun „utopion", staradis flankege de ĉi tiu „stulta" — kiel ankoraŭ hodiaŭ esprimas

---

[1])

Estimata S-ro Redaktoro!

Per ĉi tiu alligita artikolo mi volas eksciti aliajn niajn samcelanojn al sama laboro, t. e. ke ankaŭ aliaj verku artikolojn pri *la servoj de Esperanto al Katolikismo jam faritaj, nuntempe farataj kaj eble farotaj. Tiaj artikoloj devas esti tuj tradukataj en gepatran lingvon kaj nepre publikigataj en naciaj ĵurnaloj kaj revuoj.* Ke la sciigo pri granda servkapableco de Esperanto al Katolikismo kiel eble plej multe estu disvastigata por veki pli grandan interesiĝon en katolikaro pri katolika Esperanto-movado. Bedaŭrinde ni devas publike kaj sincere konfesi, ke ĝis nun ankoraŭ estas tre malgranda interesiĝo pri nia afero en katolikaj sferoj. Ĉefa ree kaŭzo de tiu stato estas, ke *naciaj ĵurnaloj preskaŭ nenion avizas pri nia afero.* Unuj el ili estas principe malamikaj al nia movado, aliaj indiferentaj. Do lasinte flanken la unuan specon da ĵurnalaro, ni klopodu konvinki katolikajn redakciojn indiferentajn pri utileco de Esperanto al katolikismo kaj per artikoloj trafaj, konvinkplenaj ni penu ilin senindiferentigi.

sin kelkaj el ili — „novaĵo”. Kaj kvankam tie kaj ĉi tie aŭdiĝis prudentaj voĉoj, alvokantaj por interkonatiĝi kun ĉi tiu novaĵo, almenaŭ nur pro tiu kaŭzo, ke ĉi tiu novaĵo devas esti laŭ opinio de malamikoj la danĝerega armilo kontraŭ Eklezio kaj Katolika Religio, tamen la proverba senzorgeco de katolikoj kontraŭstaris ĉi tiujn voĉojn verŝajne nur por tio, ke ankaŭ en ĉi tiu okazo plenumiĝu sur Katolikoj la vortoj de Sankta Skribaĵo, ke „filoj de mallumo estas pli prudentaj ol filoj de lumo”. Kaj bedaŭrinde tiu apatia stato daŭris dum dekkelkaj jaroj, dume la malamikoj de Eklezio faradis grandegajn progresojn en la propagando de tio, kion ili konsideris kiel utilega por atingi siajn satanajn celojn. — Sed dank' al Dio jam fine ekmalfermiĝis la okuloj de Katolikoj vere ne en ĉiuj nacioj, tamen en tiuj, kiuj en la historio de Katolikismo staradis longtempe en unuaj vicoj. Do kiel ĉiam tiel ankaŭ nun donis bonan ekzemplon. Kvankam Francujo, posedas multajn esperantistojn malamikajn al Eklezio, tamen ĝi povas ankaŭ montri sufiĉe grandan nombron da Katolikaj esperantistoj. El Francujo do eliris en tutan katolikan mondon jena signaldiro, jena alvoko: „Ni ne permesu, ke malamikoj de Sankta Eklezio monopoligu al si ĉi tiun novan armilon, senditan el ĉielo por defendi la plej karajn niajn trezorojn! Ni ne permesu, ke malamikoj antaŭvenu kaj postlasu nin! Ni ne malŝatu tion, kion ne malŝatas nia malamiko, ĉar kiu scias, ĉu iam estonte ne aperos la nepreco, ke ni ankaŭ uzu la saman armilon, kiun jam uzas nia malamiko? Ja, „mirabilia fiunt in mundo” (mirindaĵoj fariĝas en la mondo)! Kion ni ne scias hodiaŭ, eble morgaŭ ni laŭdegos! Do ni ne malŝatu Esperanton, ĉar ni per nia malŝato ne sukcesos haltigi ĝian marŝon tra ĉiuj landoj de la mondo!

Ĝi venkplene trapasos preter ni aŭ super ni, kaj la malamikoj armitaj perfekte per ĝl ekatakos nin iam estonte pli akre, pli tedeme ol nuntempe!” Kaj jen je ĉi tiu kuraĝa signaldiro ĵetis sin malgranda areto da fervoraj francaj katolikoj al laboro t. e. al interkonatiĝo kun esperanta lingvo kaj al ĝia propagando. Sur fronto de ĉi tiu bra-

vareto ekstaris la juna sed pia kaj klera pastro, — eminenta lingvisto — Emilo PELTIER. Plenigita per spirito de fervoro pri la pligrandigo de gloro de Dio kaj triumfo de Eklezio, li decidis firme *aldoni esperantan lingvon al servo por bono de la sanktaj celoj.* Do li fondis societon, en kiu li kun grandega kredo kaj entuziasmo disvastigis ideon interkonatiĝi kun esperanta lingvo, en kiu lingvo li tuj ekvidis kiel eminenta lingvisto ĉiujn ecojn ne nur de la internacia lingvo, sed ankaŭ de lingvo kiel lingvo mem, lingvo posedanta kapablecon por esprimi ĝuste ĉiujn eĉ la plej subtilajn nuancojn de la homa penso. Li en ĉi tiu societo montris pruve grandegajn kaj nepriŝateblajn profitojn akirotajn de Katolikismo pro tiu cirkonstanco, ke ĉiuj katolikoj apartenantaj al plej diversaj nacioj posedos la eblon por *senpere interkomunikiĝi kun si per helpo de unu komuna internacia lingvo.*

Kaj en sia laboro, havante senĉese antaŭ siaj okuloj la subliman celon, li senvolontiĝis per neniaj malfacilaĵoj, per neniaj komencaj malsukcesoj, kies multegon li bedaŭrinde suferis. Kiel cetere suferas ilin ĉiu adepto kaj propagandisto de iu nova ideo, eĉ se ĝi estus efektive la plej fruktodona. Multajn malagrablaĵojn, multajn eĉ ĉagrenojn li estis devigita suferi ne nur de siaj samlandanoj — ŝovinistoj, kiuj riproĉis al li la estingadon de la patruja amo, sed ankaŭ eĉ de siaj profesiaj fratoj t. e. pastroj, kiuj jen per mokoj, jen per malaltigo de lia reputacio, jen per malpravaj riproĉoj longtempe malfaciligadis al li la plenumadon de ĉi tiu altvalora kaj nobla laboro. Li tamen estas venkinta ĉion, kaj pruvinta al ĉiuj skeptikuloj la grandegan valoron de sia ideo, kiun li varmege ekamis, kaj al kiu li fervore kaj sincere servis ĝis la lasta momento de sia vivo. Sankte memorata pastro Emilo, sciante tion bone, ke por efika propagandado de ĉi tiu katolika-esperanta movado, ne nur en sia lando, sed ankaŭ en fremdaj landoj estus necesega la propra organo, la propra revuo, gazeto, kiu povus esti ne nur la vera kaj klara respeguliĝo de la tuta vivo de ĉiuj katolikoj dissemitaj tra la tuta mondo, sed ankaŭ la forta interligilo de ilia koro, spirito, pro tio

li baldaŭ fondis per sia propra kvankam malgranda funduso la monatan revuon, servontan al ĉi tiu supre citita movado.

Kaj jen en jaro 1906 ekaperis unuan fojon kaj montriĝis al la mondo la monata internacia pure katolika revuo, redaktita ekskluzive en esperanta lingvo. Ĝi estis „Espero Katolika”.

Kiom aktuala, kiom utila kaj necesa estis ĉi tiu revuo, kiu tuj post sia ekapero ricevis la benon kaj aprobon de la Sankta Seĝo, tion atestas jam la fakto, ke multaj katolikoj esperantistaj, apartenantaj al aliaj nacioj, tuj forlasis, tuj forĵetis la liberpensulajn esperantajn gazetojn, kiujn ili ĝis tiutempe abonadis kaj ekabonis „Esperon Katolikan”. Jam ĉi tiu unu akiritaĵo estis la granda merito de ĉi tiu honorinda pastro, ke li detiris kelkajn katolikajn de la legado de gazetoj malamikaj al katolika kredo, kaj kunigis ilin per katolika revuo por katolika laboro. En pli posta tempo ĉi tiu revuo akiradis pli kaj pli da legantaro en la mondo kaj tiamaniere ĝi formadis iom post iom kvazaŭ unu komunan internacian katolikan armeon, vivigitan per unu komuna ideo t. e. servi al Dio kaj Lia Eklezio.

Baldaŭ ekanoncis sin la korespondantoj preskaŭ al ĉiuj partoj de la mondo, oferante sian pretecon por alsendi necesajn informojn pri ĉiu eĉ plej eta aperaĵo de katolika movado en sia lando, nacio, ĉirkaŭaĵo.

Por konvinkiĝi pri tio, ke diversaj anguloj de la terglobo posedas siajn legantojn, abonantojn kaj korespondontojn de „Espero Katolika”, suficas preni en manon unuajn numerojn de „Espero Katolika”, en kiu vidiĝas jenaj adresoj: Aŭstrio, Germanjo, Belgujo, Italujo, Nederlando, Anglujo, Kanado, Hispanujo, Brazilio, Rusujo, Danujo, Svisujo, Portugalujo, Irlando, Jeruzalemo kaj eĉ Japanujo.

Jen longa listo de abonantoj kaj korespondantoj de „Espero Katolika!”

Krom „Espero Katolika” ekaperis baldaŭ la aliaj revuoj katolikaj kiel ekz. „Nederlanda Katoliko”, „Germana Katoliko”, „Kataluna Katolika” kaj aliaj, arigantaj ĉirkaŭ si la defendantojn de katolika kredo, batalantaj per armilo uzata ĝis nun eksklusive de niaj malamikaj.

Por pliviglígi, plifortigi kaj fruktodonigi ĉi tiun katolik-esperantan movadon, oni alprenis decidon aranĝi ĉiujare kaj ĉiam aliloke la internacian kongreson de katolikaj esperantistoj. Unua tia kongreso okazis en Parizo en jaro 1910. Dua okazis pasintan jaron en Hago, kie oni diskutadis diversspecajn, aktualajn demandojn kaj faris interesplenajn deziresprimojn. Kurantan jaron en dua duono de aŭgusto okazos la tria tia kongreso en Budapest (Hungarujo). Kiel la du antaŭaj kongresoj same ankaŭ la tria okazos sub aŭspicioj de la Apostola Seĝo. Estas jam certe ke Eminenco Lia Kardinala Moŝto Vaszary akceptos la altan protektantecon de „Nia Tria”.

Okaze de ĉiu tia kongreso la katolikoj, apartenantaj al diversaj landoj kaj nacioj, ekligas inter si rilatojn de la interkonatiĝo kaj amikeco, kiuj poste permesas al ili komuniki reciproke al si informojn pri la vivo de katolikaj samlandanoj, kaj tiamaniere donas eblon klarigi dubojn kaj korekti ĉiajn erarojn aŭ falsajn sciigojn pri Eklezio, dissemitajn de ĝiaj malamikoj tra la mondo. Kiam ekz. la kontraŭkatolika presaro dissonorigas en mondo iajn falsaĵojn aŭ kalumniojn kontraŭ pastraro ĉu laika ĉu monaĥa de iu nacio, tiam la katolikoj de la tuta mondo, povante per pero de Esperanto interkomunikiĝi *senpere* kun tiu aŭ alia katoliko apartenanta al nacio kalumniata, ofendata de la presaro, prenas tiumomente sciigojn direkte de li kvazaŭ el fonto mem, kaj konvinkiĝinte sur fundamento de ĉiuj tiuj sciigoj pri la falseco de la kontraŭkatolikaj informoj, povas tuj defendi la ofenditojn kaj revenigi al ili decan honoron ĉe siaj samlandanoj. Do Esperanto, uzata de katolikoj, fariĝas la ĝusta ilo por defendi katolikajn aferojn.

Plue! la kono de Esperanta lingvo ebligis al katolikoj alproksimiĝi al nekatolikaj aŭ kontraŭkatolikaj rondoj kaj malrapide sed bonfare influi je ili, influi almenaŭ pac ĝe t. e. ke *ĉi tiuj rondoj* (protestantoj, skismatikoj aŭ liberpensuloj) *almenaŭ iomete moderigas sian furiozan malamon kontraŭ Katolika Eklezio.* Kaj eĉ se oni ne sukcesus konvinki malamikojn pri la vereco de katolika kredo, pri ĝia

sava misio en la mondo, eĉ se oni sukcesus efektivigi nek unu konvertiĝon al Katolika Eklezio, tamen jam la moderiĝo, jam la mildiĝo mem de ĉi tiu furioza, infera kaj plejofte — kiel estas spertite — unike el antaŭjuĝo devenanta malamo al ĉio katolika, *jam tio unu sola estas la granda „plus" por konto de Krista frazo: „Pacem do vobis"* (Pacon mi donas al vi) kaj rezultanta el Dia ordono: „Vi amu Vin reciproke!"

Fine la kono de Esperanta lingvo ebligas al katolikoj konigi al ĉiuj katolikaj nacioj de la mondo (eĉ se ĉe ili troviĝus nur kelkaj esperantistoj) *samtempe* ĉiajn verkojn, librojn, broŝurojn apologiajn kaj tiamaniere helpi por plifortigi la katolikan movadon kaj vivon. Ni rimarku! En nacio ekz. Nederlanda estas eldonita libro, traktanta science kaj profunde pri la rimedoj por defendi katolikan kredon kaj Eklezion. Antaŭ ol la enhavo de ĉi tiu libro estos sciigata al katolikoj de la tuta mondo, pli frue pasos multe da tempo kaj laboro, ĉar estas necese traduki ĉi tiun libron *aparte* en ĉiun lingvon. Kiam ree ĉi tiu libro estas tradukita en internacian lingvon, (kaj tia estas sole la Esperanta lingvo) *tiam ĝi rapide koniĝas al tuta mondo,* ĉar nun katoliko-esperantisto el ĉiu nacio tradukas ĉi tiun libron aŭ entute aŭ almenaŭ ĝian enhavon kaj presigas ĝin en sia gepatra lingvo, do tiamaniere la tuta lia nacio profitas la bonfarojn de ĉi tiu libro.

Ĉu tio ne estas la klara kaj konvinkplena pruvo, ke Esperanto povas fari servojn al katolikaj aferoj? *Ke Esperanto ne nur povas sed eĉ devas fariĝi la servanto de Katolikismo?* La subskribita verkinto de ĉi tiu artikolo ne scias, ĉu ekz. la pole verkita libro de Ekcelenco Lia Episkopa Moŝto PELCZAR „Defendo de katolika kredo" estas jam tradukita almenaŭ en unu fremdan lingvon, sed li scias, ke multaj reprezentantoj de dekkelkaj katolikaj nacioj baldaŭ interkonatiĝos kun la tuta enhavo de du lastaj ĉapitroj de supre citita libro. Kaj dank' al kio fariĝis tio? Jen dank' al Esperanto, en kion jam estas tradukitaj ĉi tiuj du ĉapitroj, publikigotaj sukcesive en „Espero Katolika" kaj eble eldonotaj aparte en du broŝuraj. Unu bro-

ŝuro estos titolita „Dissemiloj de malkredo”, la dua „Pli proksimaj fontoj de malkredo”.

Do oni devas demandi, ĉu en ĉi tiu okazo Esperanto malutilas al katolikaj aferoj?

Ĉu oni do konsiderinte atente kaj ekzameninte profunde la tutan aferon de katolika-esperanta movado, ne devas eldiri kuraĝe, publike kaj sincere jenon?: „Ni lernu Esperanton por pligrandigi la gloron de Dio kaj akceli le triumfon de Eklezio!”.

Verkis originale,
P-ro Jozefo SZUREK.

# Oficiala Parto.

## Al la Akciuloj de l' Anonima Akcia Societo „Espero Katolika”.

Konforme al art. 19-a de l' statutoj de la Internacia Eldona Societo „Espero Katolika“, la akciuloj de tiu anonima Akcia Societo estas per ĉi-tiu sciigo kunvokataj al *ĝenerala kunveno okazonta* dum „Nia Tria“ *en Budapest la 22-an de Aŭgusto* estontan.

Ni atentigas, ke akciuloj, kiuj deziras partopreni la ĝeneralan kunvenon, devas laŭ art-o 24-a de la statutoj antaŭe sciigi la Direktoron D-ro N. J. SMULDERS, kaj ke anstataŭigo per skriba rajtigilo estas ebla konforme al la sama art-o 24-a.

La unuan kongrestagon lia pastra Moŝto A. RICHARDSON, Prezidanto de I. K. U. E. fiksos la *horon* kaj la *ejon* de la kunsido akciulara.

### La Tagordo estos jena:

1-e Raportos la Direktoroj pri la stato kaj la okazintaĵoj de la societo de post ĝia starigo ĝis la ĝenerala kunveno.

2-e La sekretario komunikos la sciigojn senditajn al la direktoroj aŭ komisaroj rilate al la ĝenerala kunveno.

3-e Al ĉiu akciulo partoprenanta la ĝeneralan kunvenon la Prezidanto havigos la okazon demandi pri deziresprimado aŭ interkonsili pri aferoj rilate al „Espero Katolika“ aŭ ĝiaj akciuloj.

Nome de l‘ Komisararo,
Frans KNAAPEN,
Prez. Komisaro.

TILBURG, la 20-an de Julio 1912.

**Pro La Kongresoj „Espero Katolika” ne eliros en la monato Septembro.** La Redakcio.

# Kroniko de I. K. U. E.

### Katolika Esperanto-Societo „Berlin”.

La unua duonjaro de nia Societo pasis. Kun multaj belaj esperoj ni riskis la fondon de nia grupo en la januaro de tiu ĉi jaro. Sed nur malmulte ili estas plenumitaj ĝis nun. La unuan grandan seniluziigon kaŭzis al ni la fakto, ke el la multaj „katolikoj” en la berlina esperantistaro nur tre malmultaj havis la kuraĝon aliĝi al nia grupo, la aliaj uzis ofte kuriozajn artifikojn por senkulpigi sian rifuzon. Ankaŭ el la aliĝintoj multaj ne montris sufiĉe da fervoro por nia bona afero. Sekvo de tio estis la malbona vizito de niaj kunvenoj. Iom da kulpo en tiu rilato havas eble ankaŭ la aranĝmaniero de la kunsidoj. Sed ili povas fariĝi pli sukcesaj kaj agrablaj, se ĉiu kun iom da atento kaj intereso partoprenas en la traktadoj kaj esprimas siajn dezirojn pri necesaj plibonigoj aŭ ŝanĝoj. Aliflanke diversaj anoj vidigas bonan komprenemon pri la celoj de nia Societo kaj laŭdinde klopodis labori por ĝia utilo kaj diskonigo. Al ili estu esprimata la danko de la Societo kaj al la aliaj la deziro kaj peto, ke ili agu same kaj penadu inter la samkredanoj disvastigi la konon de nia Societo kaj varbi anojn por ĝi. Ke la estraro ankaŭ iom faris por la societo, pruvas la fakto, ke ĝis la 1-a de julio 1912 estas dissenditaj proksimume 500 korespondaĵoj kaj alvenintaj pli ol 60. Se tiu laboro ankaŭ ĝis nun

ŝajne ne havis tre grandan efikon, ĝiaj fruktoj espereble aperos iom post iom. Almenaŭ ni jam sukcesis starigi du kursojn, gviditajn de la sekretario kaj la prezidanto, en kiuj 4 sinjorinoj kaj 8 sinjoroj komencis la lernadon de nia lingvo, sed bedaŭrinde nur 3 fraŭlinoj kaj 3 sinjoroj, do entute 50 pocentoj de la komencintoj, finis ĝin. Krom tiuj du personoj varbitaj per nia Societo lernis Esperanton en aliaj grupoj. Tiuj du kaj du el la kursoj jam aliĝis al la Societo. La membraro tiel pligrandiĝis, ĝis 15. Kunsidoj okazis 10 kaj meznombre estis vizitataj de 7 personoj. La unuan ekskurson okazintan la duan pentekostan tagon partoprenis nur 3 sinjoroj. La festajn aranĝojn okaze de la Esperanto-jubileo vizitis preskaŭ ĉiuj anoj. Notoj pri la Societo aperis en kelkaj berlinaj ĵurnaloj, ekzemple ok en „Märkische Volkszeitung" krom multaj senpage publikitaj anoncetoj, kaj en diversaj esperantaj gazetoj, precipe „Germana Katoliko". La financa stato estas kontentiga, malgraŭ la multaj elspezoj por propagandaj presaĵoj kaj korespondaĵoj, ĉar la gvidintoj de la kursoj instruis senpage kaj tial la kurskotizaĵoj fluis tute en la kason. El la jarkotizaĵo de 3 M. po membro ni pagas 0.64 M. por „Germana Katoliko" kaj 0.60 M. al „Esperanto gruparo Berlin". La biblioteko enhavas krom kelkaj negravaj verkoj preskaŭ nur kolektojn de diversaj esperantaĵoj por ekspoziciaj celoj; ĉio estas donacita de anoj. Je la dispono de la membroj estas sufiĉe multaj esperantaj gazetoj abonitaj de anoj. La somero ne estas tre oportuna por pro granda propagando, sed des pli por persona varbado kaj preparaj laboroj por vasta varba agado, kiun ni intencas fari venontan aŭtunon, precipe en la katolikaj unuiĝoj.

Oscar FROMM.

---

**„Nederlanda Katoliko".**
**La unua Regiona Esperanto-tago.**

Festaspekton prezentis Veĥel'o la 23-an matene de junio. La nacia trikoloro ondante tien kaj reen antaŭ la fasadoj, donis impreson de atendo al la senbruaj ankoraŭ stratoj, sur kiujn junia suneto ridetante ĵetis fluon da gajeco, kva-

zaŭ ne povante sin deteni, subrakonti ke ĉie ĉirkaŭe centoj rapidas al nia vilaĝo, fervoje, trame, bicikle, por plenigi la senhomajn stratojn.

Jen kaj tie oni jam vidas verdan stelon brili sur solena nigro. La belega vetero unu post alian ellogas el lian domon por rigardi al la fremduloj venontaj, por aŭskulti la lingvon, kiun ili estos parolantaj, ĉu reale estus vere, ke ankaŭ en aliaj lokoj loĝas homoj konantaj tiun Esperanton, kiu la lastajn tagojn tiom movigis da langoj.

Jen gaja ridado sonas tra la vojo, kaj biciklistaro, kondukante verdon flagan sur siaj „ŝtalaj ĉevaloj" preterrapidas petole ŝercanta.

Jen la vagonaro enbruegas la kvietan stacion, kaj dek, kvindek, cent, jes, pluajn vojaĝantojn ĝi elŝutas el la malfermiĝantaj pordetoj, kelkajn ornamitajn per verda flageto, ĉiujn portantajn la Esperanto-steleton sur la brusto.

Ĉar jes, tiu tuta amaso, kiu superfluas la peronon, plenigas la stratojn, subite plivivigas la vilaĝon, ĉiuj estas Esperantistoj, venintaj por festi la unuan Esperanto-tagon en Veghel'o.

Malnovaj konatuloj renkontiĝas, nova interkonatiĝo ekfariĝas, amikoj ĝojas reintervidi, oni manpremas, oni sin sentas gaja, oni estas hejme, regas samideaneco!

Pli kaj pli homhavaj fariĝas la stratoj, aretoj de ĵus alvenintoj estas bonvenataj de jam ĉeestantoj, kaj ĉiuj moviĝas al unu punkto, la vasta, bela kapelo apud la granda, majesta vilaĝpreĝejo, por dediĉi la unuaĵojn de l' Esperanto-tago en bonplaĉa ofero al Li, al Kiu sole apartenas ĉiu honoro!

Ankoraŭ kelkajn momentojn, kaj la movema arego senbrue, adorante estas genufleksa antaŭ la nura Patro de l' homaro.

*Introibo ad altare Dei.* Mi alproksimiĝos altaron de Dio!

Post la Evangelio la celebranto iras katedron por konigi la vorton de *Dio* en nia lingvo.

Kortuŝe simple al ni rakontas Lia Pastra Moŝto LINNEBANK la evangelion de tiu-ĉi tago en la flua, fleksema, formoriĉa mondlingvo.

Sed, kiam la sanktoleita parolanto ĉerpas el la tie rakontita mirakla fiŝkaptado la materion por kompari la katolikan Esperanto-movadon kun la katolika Eklezio mem, tiam kora konvinko, vera fajro por nia sankta afero aŭdiĝas el liaj paroloj, kiuj resonas en nia koro kaj denove vekas entuziasmon por nia altega celo: kunlaborado de ĉiuj katolikoj per Esperanto por la florado kaj venko de nia kara Kredo.

Kaj kiam la sonorileto anoncis la Miraklon de l' mirakloj, supren al ĉielo leviĝis el la amaso kora preĝo je beno por la laboro, komencita je l' honoro de Dio.

Kaj plenfide, ke tiu beno ne forestos, forte eksonis post la finiĝo de la Meso la viraj sonoj de l' Himno Katolika sub la arkaĵoj, kiel militkantado de armeo, kiu, certa pri la venko, marŝas al batalo.

Belega komenco!

Suneto nin ree atendadis kiam ni eliris la kapelon.

Jam de l' malproksimo la verda flago nin salutflirtis el la vilaĝdomo, kvazaŭ senpacience atendante la momenton ke ĝi povos ĉeesti nian entuziasmon. La kelkajn minutojn kiuj ankoraŭ nin apartigis de l' tagmezo, ni utiligis prenante kelkajn freŝigaĵojn kaj resonigante sub la ombroriĉaj kaŝtanujoj de l' foirplaco niajn Esperantohimnojn.

Jen la pordoj de l' vilaĝdomo larĝe malfermiĝas kaj . . . la vasta kreskaĵornamita enirejo englutis fluon da stelpostantoj, kiuj, suprenirante la larĝan ŝtuparon, dekstren kaj maldekstren dispartiĝas por supre reunuiĝi en la vasta vilaĝdoma salono.

Jen staris la Veĥela vilaĝestro. Simpatika montriĝo: malfiera sed solena; grava sed afabla; ne-juna kaj tamen juneca; trae katolika. . . .

„Kaj tamen plensimpatia por nia movado”, mi preskaŭ dirus por eligi mian indignon pri tiom multaj, kiuj, kvankam lokiĝante en la unuaj rangoj de la katolika agado, kvankam konante kaj bedaŭrante la nesufiĉon de la katolikoj, tamen malvolas scii ion pri nia trae-katolika movado, kaj tiel kaŭzas, ke ni, malgraŭ nia agademeco, ĉiam estos

duon-paralizitoj kaj ke niaj intencoj ne- aŭ nur malrapide povas esti realigatoj!

Sed mi ne havas tempon por plendi. Mi devas labori! Jen lia simpatio por la Esperanto-movado provata per la vortoj de l' vilaĝestro mem.

Ĉiam lin ĉarmis la ideo de mondlingvo. Ĉiam li estis plenkonscia pri la beno, kiun unu lingvo universala alportus al la homaro. Tial li ne ŝanceliĝis lerni Volapiik'on, kaj post malsukceso de tiu-ĉi sistemo, ankoraŭ provi Mundolinco'n, kaj, kvankam lia aĝo ne lin permesos ankaŭ kapabliĝi pri Esperanto, li tamen estas konvinkita post ĉio, kion li aŭdis pri nia movado kaj nia lingvo, ke al Esperanto estas la estonto.

Tial li tuj konsentis post la belega parolado de lia pastra Moŝto LINNEBANK, farita en la komenco de tiu-ĉi jaro, akcepti la oferitan al li honor-prezidentecon de la Veĥela Esperantista Klubo. Kaj same volonte li konsentis, kiam la estraro de tiu klubo venis petante bonvenigi la partoprenontoj en la vilaĝdomo. Li ĝin opinias honoro por Veĥel'o ke tiu-ĉi granda kaj grandioza manifestacio okazos en tiu-ĉi komunumo.

Li tial ĉiujn bonvenigas, esprimante la deziron ke tiu-ĉi tago estu grandsukcesa por nia celado. Instigante nin al persista laboro, lia Moŝto finis per la versaĵo:

> Gebildet ist nur der Mann,
> Der Esperanto sprechen kann.

Post la laŭta aplaŭdo lia pastra Moŝto S-ro POELL dankis pro la kora akceptado, havigata al ni en Veĥel'o, „ĉar" diris la parolanto, „kvankam Esperanto pli kaj pli disvastiĝas, al tiom da gastameco, kiun ni eksperimentas tie-ĉi, ni, Esperantistoj, ne ankoraŭ estas alkutimitaj. Li esperas ke Veĥelo, konata per sia pli kaj pli vastiĝanta komerco kaj favora situacio, eksperimentu multe da profiton de Esperanto, kaj invitis la ĉeestantojn kanti „Longe Li vivu" por lia Moŝto la Vilaĝestro de Veĥelo. Post momento la muroj de salono tremsonis de la elkora kantado de la Esperantistoj, ne aŭdebligante la bruon, kiu aŭdiĝis ekster-

dome, ĉar nuba fariĝis la ĉielo, turnventoj suprenblovis nubojn da polvo, kelkaj gutoj falis. . . .

Sed ne timu! Esperanto dum sia 25-jara ekzistado jam tiom travivis, ke tiom malmulte oni eĉ ne atentas.

Dume, estis nur minaceto de Patrino Naturo. Ŝi nur volus pruvi ke „pluvon sekvas sunbrilo".

Baldaŭ ni sidis — ne, plejgrandparte staris en la cetere vasta ĉambrego de la Veĥela Esperanto-Klubo. Bonvensaluton, pen-tralegado de amaso da telegramoj, leteroj, — inter kiuj elkora de Abato RICHARDSON, — kaj poŝtkartoj pri simpatio por nia celado, fluon da elokvento en Esperanta kaj Nederlanda lingvo, — ĉion laŭ konsilo de l' prezidanto oni rapide finlaboris, por ŝanĝi la premantan varmegon endoman kun malvarmeta sidado en la ĝardeno aŭ refreŝiganta promenado tra la vilaĝo.

Kaj nun iom da ripozo. Ripozo?

Tiun Esperantisto ne konas.

Ne, malgraŭ la tropika varmego: supren, al la ekspozicio, kie baldaŭ malsufiĉis buŝoj por respondi al ĉiuj demandoj, kaj manoj por havigi la aĉetitaĵojn kaj akcepti monon.

Dume unu tie-ĉi priparolis la membrecon de U. E. A., alia laŭdrekomendis tie „Espero Katolika", aliloke oni pri-studis la eblecon starigi novan Esperantistan klubon, k. t. p., k. t. p.

Sed fariĝis tempo. La stomako postulis siajn rajtojn. La partoprenontoj al la tagmanĝo, 54, devis iri al „La Ora Leono", dum la aliaj iris por elĉerpi aliloke novajn fortajn por la sekvontaĵo.

Bonan apetiton!

Dum la komuna tagmanĝo pluvis . . . pluvis toastojn Nederland- kaj Esperantlingvajn. S-ro SCHENDELER pritoastis la religiajn konsilantojn, reprezentatajn de l' Pastra Moŝto S-ro MOONEN el Uden. S-ro MOONEN toastis la prezidanton kaj promesis klopodi por disvastigi Esperanton inter la pastraro. S-ro SLEIJFFERS el Hago laŭdis la pionirojn de la Nederlanda Esperanto-movado, precipe S-ro

LUTKIE ĉeestantan. Kapitano VAN ERP spritplene toastis la Nord-Brabantan gastemecon, post kiu baldaŭ la regiona himno trasonis la vastan manĝoĉambron. Nun multobliĝis diversflanke la spritaĵoj, nur interrompitaj per iom pli grava parolado de S-ro KNAAPEN el Tilburg por instigi la Esperantistaron preni akciojn de „Espero Katolika" kaj aboni je tiu-ĉi tiom bonege redaktata revuo. *Ke precipe tion-ĉi ĉiu bone rememoru!*

Pli kaj pli gaja fariĝis la ĉeestantaro. Oni kantis, ŝercis, jes, preskaŭ forgesis manĝi, tiel ke la prezidanto devis peti la geamikojn iom rapidi ĉar la tempo forflugis.

Tion oni faris. Sed ni ne forlasu tiun ejon de ĝojo kaj koramikeco sen laŭddanki S-ron J. DE VOS, membro de la Veghela klubo, pro lia artplena, kaj amuziga piano-ludado, per kiu li tiom pliigis la plezuron de tiu neforgesebla tagmanĝo. Kaj nun: rapide al la loko de la granda kunvenejo, kie la lasta parto de nia bela tago plenumiĝos. Jam la fotografaparato nin atendis. Ĉiu serĉis bonan lokon por pozi en kaj antaŭ la muzikejo, momento da silentego, kaj jen nia Esperantotago eternigita per simpla manmovo de S-ro STENDER, kiu baldaŭ montros, ke li ankaŭ alimaniere meritas nian admiron.

Baldaŭ ja ni lin vidas direktante ankoraŭ junformitan muzikistaron, kiu per sia akurata ludado certe meritis la aplaŭdon, kiu ĉiufoje sekvis ĉiun muzikaĵon. Post freŝa marŝo la Prezidanto de „Nederlanda Katoliko" venis sur la katedron por Nederlandlingve paroli pri „Internaciismo" al la multegaj ne-esperantistoj, kiuj kun niaj samideanoj plenigis la belan ĝardenon de l' Societo „Concordia". La reverinda pastro montris per nekontraŭparoleblaj ciferoj la multobliĝon de la kongresoj internaciaj dum la lastaj jaroj, la grandegan interrilaton inter la popoloj, la elmigradon ĉiam kreskantan de la laboristoj, montrante tiel la utilegon de unu facila lingvo, uzebla ĉie, en la tuta mondo. Aplaŭdo sekvis tiun belan, klaran paroladon, kaj plenkore la ĉeestantaro ekkantis la Himnon Nordbrabantan. Nun prezentiĝis sur la parolejo S-ro HEESBEEN, studento en la seminario de la Pastroj Sanktakrucanoj el Uden.

Ne estas eble al mi doni tie-ĉi ideon de tiu-ĉi parolado, belega per sia bilda stilo, klarega per la plej pura Esperanto, ĝuplena per la delikata deklamado de tiuj enhavoriĉaj, kortuŝaj vortoj. Mi ne kuraĝas raporti la paroladon, kiun cetere la legantoj de tiu-ĉi revuo certe renkontos aliloke. Ne pli mi povas detale paroli pri la sprita, amuza traktado de kapitano VAN ERP pri la temo „Kial Esperantisto?", kaj la Esperantlingva, trastudita, purlingva parolado pri la temo „25 jara historio de Esperanto" de S-ro DAMEN, la juna fervora redaktoro de „Nederlanda Katoliko".

Sufiĉu diri, ke ĉiuj parolintoj rikoltis la sinceran dankon de la amaso, kiu atentege aŭskultis ilin kaj per kora aplaŭdado ilin rekompencis pro ilia meritplena laboro. Alternante per Esperantaj kantaĵoj, aŭ muzikaĵoj, la programo senripoze tralaboriĝis, kaj tro baldaŭe la tempo alvenis, ke oni devis foriri. Entuziasmege oni ekkantis lastfoje la belan katolikan himnon „Ni volas Dion", elkore dankante Lin, Kiu igis nin travivi tiun belegan, sukcesplenan tagon, Kiu benis, kaj certe benos nian laboron, kiu nur celis, celas kaj celos Lian Honoron.

Neeble adiaŭi, neeble forlasi la spektalon de tiom multe da ĝojo; neeble ion forgesi, tiom da kortuŝanta amikeco, entuziasmeco kaj samideaneco, kaj manpremis oni nur por esprimi la tutkoran deziron, reintervidiĝi dum dua, ankoraŭ pli bela regionkunveno.

Ĝis revido! P. A. SCHENDELER.

## Novaj Sekcioj de I. K. U. E.

### Skotlando.

En Edinburgo estis starigita la 7-an de Aprilo La *Skota Ligo de Katolikoj Esperantistaj*. Prezidanto: S-ro R. SMITH; Vic-prezidanto: S-ro M. A. MACATIE; Kasisto: S-ro J. WARD; Sekretario: S-ro M. HERON; Geanoj de la estraro: S-roj. COLLART, ZUADE, MELLON, MULLAN, HAMILL kaj LAUGHRAN.

La Regularo jam estas fiksita kaj aprobita.

Estos verai kontentĝo por S-ro M. HERON, ke liaj multaj klopadadoj estas koronitaj per tia bela sukceso. La nova Ligo floru kaj kresku.

**Aŭstrio.**

El Aŭstrio alvenas ĉiam pli gravaj sciigoj pri progresoj de Esperanto inter Katolikaro, precipe en junularaj asocioj.

S-ro WESELY sciigis min jam pli frue, ke nia movado estas apogata de la „Asocio de kristana Junularo de Aŭstrio“, pri kies organo mi parolis en E. K. Majo sub Bibliografio, kaj kiu asocio de post Pentekosto 1912 havas la pli ĝustan nomon: *Unuiĝo de Katolika Junularo de Aŭstrio; regna asocio de ĝiaj urbaj kaj vilaĝaj unuiĝoj*. Okazis diversaj kursoj en Vienaj distriktoj. Nun S-ro WESELY sciigas pri intenco de starigo de Katolika Junulara Ligo Esperanta en Aŭstrio. Ĉar „Tutmonda unuiĝo de la junularo” estos pri parolata dum „Nia Tria” en Budapest, la Kongresanoj ne forgesu, ke en Aŭstrio ekzistas plej sana kaj forta junularmovado, kies principoj tre taŭgas por tutmonda asocio (vidu E. K. Majo p. 189 k. s.).

Nun oni sciigas ankaŭ pri starigo de *Aŭstria Katolika Ligo Esperantista*. La statutoj jam pretiĝis. Prezidanto estas S-ro SCHRÖDER L. K. Plue, se mi estas bone informata, estas astraranoj S-ro ULM, ano de la *Kalhol. Gesellenverein, Wien*, kiu kun sia anaro aliĝos al la Ligo; S-ro AIGNER, S-ro WESELY, S-ro HÖRL, k. t. p.

Prelato D-ro GIESSWEIN el Hungarujo faris propagandan paroladon en Wien la 10-an de Julio.

Dum la Eŭkaristia Kongreso en Wien la nova sekcio de I. K. U. E. okazigos Esperantan Diservon, dum kiu predikos D-ro GIESSWEIN (vidu apartan sciigon pri tio ĉi sube).

Niaj Aŭstrioj samcelanoj senripoze laboras kaj — imitinda ekzemplo — jam varbis novajn abonantojn de E. K. La anoj de „Nia Tria” havos okazon konatiĝi je kelkaj el tiuj fervoruloj.

Ankaŭ en „*Unsere Jugend*”, la organo de la „Unuiĝo de Katolika Junularo de Aŭstrio”, aperis propagandartikoloj pri Esperanto kaj enhavas sciigojn pri Esperanto-kursoj.

Okaze de la 60-jara jubileo de la „*Gcsellenverein*”, esperanta ekspozicio estis aranĝita de S-ro ULM. Ĝi estis multnombre vizitita. Oni vendis 150 ŝlosilojn. Mi ricevis ilustritan poŝtkarton kun bildo de tiu Esperanto-ekspozicio.

Ĉiutage verspere oni akceptas gastojn en la Esperanto-tablo *Verda Stelo*, Wien, VI, Gumperdorferstr. 39.

Vere, nia tre juna movado en Aŭstrio hontigas multajn aliajn landojn, kie Esperanto jam de longe estas konita, sed kie niaj samreligianoj senenergie dormetas.

D-ro SMULDERS.

---

**Esperanta Diservo Internacia**
**Okaze de la Eukaristia Kongreso en Wien.**

En kripto de la Canisius-preĝejo, Wien IX, Lustkandelgasse (apud la urba fervoja haltejo Wahringergasse) okazos la 11-an de Septembro, je la 8-a horo vespere, Esperanta Diservo; prediko de Prelato D-ro GIESSWEIN el Hungarujo.

La kongresanoj-esperantistoj de la Eŭkaristia Kongreso estas petataj ĉeesti grandanombre.

---

S-ro KNAAPEN sendis al ni la Adresaron de I. K. U. E. por Belgujo. Ne estis eble eldoni plenan adresaron de ĉiuj landoj, ĉar oni ne alsendis la nomojn. La suba adresaro estu modelo por aliaj landoj; oni helpu laŭeble, por ke la plena adresaro de I. K. U. E. baldaŭ povu esti eldonata.

---

# Adresaro de Katolikoj Esperantistaj.

## **Belgujo.** (Belgique.)

| | | |
|---|---|---|
| **Alost** (Aelst). | Provinco: **Limbourg.** | |
| S-ro Alf. Menten. | Dorpstraat 78. | Kor. |
| **Anvers** (Antwerpen). | Provinco: **Anvers.** | |
| S-ro E. Cuvelier. | Potgieterstraat 3. | Help. Kor. |
| S-ro P. Le Compte. | Rue du Compromis | Kor. |
| D-ro Van Melckebeke. | | Help. Kor. |
| Pastro Minten. | Potgieterstraat. | P. K. E. |
| S-ro Oscar van Schoor. | Vondelstraat 20. | Help. |
| S-ino „ | „ „ | Help. |

N.B. La mallongigaĵo: **P. K. E.** designas: Prenas Konfeson Esperantlingve.
„ : **Help.** „ : Estas preta helpi *laŭpove* samideanojn fremdajn kiuj bezonas amikan helpon ekzemple: adreson aŭ alian informon.
**Kor** designas: Deklaris sin preta korespondi.

| | | |
|---|---|---|
| F-ino R. Wuijts. | Rue Brant 6. | Kor. |
| **Arendonck.** | Provinco: **Anvers.** | |
| F-ino M. Claessens. | | Kor. |
| S-ro J. Goris. | | Kor. |
| „ Leo Heydendal. | | Help. |
| „ A. Mathé. | | Kor. |
| S-ino L. van Reussel. | | Kor. |
| Pastro Walraevens. | | Help. |
| S-ro Alf. Verwimp. | | Kor. |
| **Berlaer.** | | |
| Pastro A. Lambo. | Direktoro de la fratinoj. | P. K. E. |
| **Beverloo.** | | |
| S-ro K. van Hees. | | Kor. |
| **Boitsfort.** | | |
| S-ro L. Minon. | Middelburgstraat 28. | Help. Kor. |
| **Braine le Comte.** | | |
| S-ro H. Lohisse. | Rue Neuve 1. | Kor. |
| **Bruges.** | | |
| F-ino C. Hansens. | ĉe Kan. IJserbijt. | Kor. |
| „ Berthe Ledène. | Nouvelle promenade 4. | Help. |
| „ M. Marteus. | | Kor. |
| S-ro H. Tanghe. | Instruisto St. Louis. | Kor. |
| „ A. I. Witterijck. | Nouvelle promenade 4. | Help. |
| Rivda Moŝto Kanoniko IJserbijt. | Paroĥestro de l' Ĉefpreĝejo. | Kor. |
| **Bruxelles.** | | |
| S-ro V. Boel. | Rue v. d. Schrick 50. | Help. Kor. |
| „ L. Dederichs. | Rue v. Male de Ghorain 27. | Help. Kor. |
| Pastro van Doorselaere. | Inst. St. Louis. | P. K. E. |
| S-ro K. Deebosc. | Rue Royale 154. | Kor. |
| Pastro van Essche. | Inst. St. Louis. | P. K. E. |
| S-ro L. Grégoire. | Rue van Meyel 51. | Kor. |
| „ H. Grégoire. | „ | Kor. |
| „ A. Heck. | Rue de Merode 137. | Kor. |
| Pastro Heewaert. | Rue de la Science 6. | P. K. E. |
| S-ro P. Kersten. | | Help. Kor. |
| Pastro Kempenaers. | Inst. St Boniface. | P. K. E. |
| S-ino Lagneau. | Rue des Urselines. | Kor. |
| S-ro V. Lamberts. | „ de la Rivière. | Help. Kor. |

| | | |
|---|---|---|
| „ A. de Leener. | „ Neuve 69. | „ „ |
| „ Mampaey. | „ Veronese 55. | Kor. |
| „ Ch. de Preter. | „ du Marais 59. | Help. Kor. |
| „ J. van Peborgh. | Avenue de la Cascade 37. | Kor. |
| **Lia Moŝto Pastro A. Richardson.** | **Prezidanto de I. K. U. E.** Inst. St. Louis. | P. K. E. |
| S-ro Ruttiens. | Rue des Coteaux 21. | Kor. |
| „ Van den Kerckhoven. | Rue Gaffart 6. | Help. |
| S-ino Grafino C. de Villers Masbourg. | Boulev. de la Senne 52. | „ |
| **Charleroi.** | | |
| F-ino E. Van den Berg. | Rue de l'Athenée 85. | Kor. |
| „ M. Cornet. | Boulev. Defontaine 6. | „ |
| S-ro Malget. | Rue de l'Athenée | „ |
| „ Philippens. | „ du fort 44. | „ |
| S-ino „ | „ „ „ „ | „ |
| **Dixmude.** | | |
| Pastro Moulaert. | Dekano Paroĥestro. | Kor. |
| **Gand.** | | |
| S-ro A. Martens. | Kruisstraat 9. | Help. Kor. |
| „ Petiau. | St. Lievenslaan 60. | Help. |
| **Gentbrugge.** | | |
| S-ro Barbe de Kneef. | Kerkstraat 125. | Kor. |
| **Halle - Boyenhoven.** | | |
| S-ro C. van Oorlee. | | Kor. |
| **Jemappes.** | Provinco: **Hainaut.** | |
| Frato Vincent. | Ecole Chrétienne. | Kor. |
| **Kortrijk.** | | |
| Pastro Decoene. | | P. K. E. |
| „ Alberic Decoene. | Normaalschool. | „ |
| S-ro Leo Decoene Haute Keete. | Rue Savary 9. | Help. Kor. |
| S-ino A. Decoene Haute Keete. | „ „ „ | Kor. |
| F-ino R. Decoene. | Chaussée d'Arlebe 24. | Help. Kor. |
| „ M. Delpierre. | Rue du Canon. 18. | Kor. |
| S-ro M. Milicam. | Chaussée de Tournai 24. | Help. |
| „ Van den Driessche. | Inĝeniero. | Kor. |
| „ Van de Putte. | Rue du Gouvernement. | „ |
| F-ino Marg. Sieleghem. | Rue longue des Pierres. | „ |

| | | |
|---|---|---|
| **Louvain.** | | |
| S-ro Prof. Vangheleuve. | (Universitato). | Kor. |
| **Liège.** | | |
| S-ro Schaltin. | Rue de Fragnée 24. | Kor. |
| **Lophem - Bruges.** | | |
| Riv. Patrino de Maricollen Fratinoj. | | Kor. |
| F-ino Maria Blonme. | Rue Heidelberg. | „ |
| **Malèves.** | Provinco: **Brabant.** | |
| S-ro Edgar Louette. Kor. | | Kor. |
| **Malines.** | | |
| S-ro A. Coks. | Petit Seminaire. | Help. Kor. |
| „ L. van Peteghem. | Rue N. Dame 31. | Help. |
| „ J. van der Velde. | Rue des Chèvres 28. | Kor. |
| **Menin.** | | |
| F-ino C. Decoene. | Rue de Warwicq 13. | Kor. |
| S-ro A. van den Berghe. | | „ |
| „ E. „ | | „ |
| S-ino van den Berghe-Bulaye. | | „ |
| „ M. v. d. Berghe-Wijker. | | „ |
| **Muijsen** lez Malines. | | |
| F-ino Leona Solvyns. | Couvent du Sacré Coeur. | Help. Kor. |
| **Namur.** | | |
| S-ro G. Mignon. | Rue du Cavalier 21. | Help. |
| „ L. Pirsoul. | „ Delvaux 16. | Kor. |
| **Nieuwkerke.** | | |
| Riv. Fratino Augustina. | Estrino ĝenerala de l' fratinoj. | Kor. |
| **La Plante**-Namur. | | |
| **Pastra Moŝto Honincks.** | Prezidanto de la Belga K. L. E. Paroĥestro. | P. K. E. |
| **Reckein.** | | |
| F-ino M. Wicart. | | Kor. |
| S-ro R. Wicart. | | „ |
| S-ro J. Meulemans. | | Kor. |
| **Schaerbeek** lez Bruxelles. | | |
| S-ino van den Bulck. | Rue Royale St. Marie 198. | |
| **Tremeloo.** | | |
| Riv. Pastro van Giel. | | Kor. |

**St. Trond.**

| | | |
|---|---|---|
| S-ro A. Degeneffe. | Groote Markt. | Kor. |
| Pastro Drieghe. | Varkensmarkt. | „ |
| S-ro Leener. | | „ |
| S-ino Leener. | | „ |
| S-ro J. Mievis. | Schepen de Ghangstraat 28. | „ |
| Riv. Pastro Valentinus Stappers | Minderbroederstraat. | „ |
| S-ro P. Stappers. | Schepen de Ghangstraat 32. | „ |
| „ M. van den Borne. | „ 12. | „ |
| „ Van Overstraete. | „ | „ |
| L. M. Kanoniko Senden. | „ | „ |
| Riv. Pastro van de Veer. | Minderbroederstraat. | „ |
| S-ro van der Heyden. | Groote Markt. | „ |

**Verviers.**

| | | |
|---|---|---|
| S-ro Parotte. | Rue Haute 13. | Help. Kor. |
| S-ino Parotte. | „ | „ „ |

**Vorst.**

| | | |
|---|---|---|
| S-ro G. Borremans. | Avenue du Moulin 16. | Kor. |

**Waasten.** Provinco: **Flandre Occidentale.**

| | | |
|---|---|---|
| F-ino Cornelis. | | Kor. |

**Wamont** lez Liège.

| | | |
|---|---|---|
| S-ro Alf. Wauters. | Rue de Leydt 63. | Kor. |

**Watermaal** lez Bruxelles.

| | | |
|---|---|---|
| S-ro E. Herbays. | | Help. Kor. |

**Westmalle.**

| | | |
|---|---|---|
| Pastro Cauwenberg. | | P. K. E. |

**Woluwe** lez Bruxelles.

| | | |
|---|---|---|
| Frato Izidore. | | Help. Kor. |

**Wulverghem.**

| | | |
|---|---|---|
| Riv. Fratino Xaveria. | Estrino de l' fratinoj. | Kor. |

**Zoersel.**

| | | |
|---|---|---|
| Pastro C. van Oevelen. | Vic-paroĥestro. | P. K. E. |

## EKSTERLANDE ALIĜIS AL LA BELGA KATOLIKA LIGO ESPERANTISTA.

**Roma — Italujo.**

Lia Em. Moŝto Kardinalo Van Rossum, Honora Membro.

**Baden — Germanujo.**

| | | |
|---|---|---|
| L. m. Pastro Peter. | Paroĥestro Hogstetten. | P. K. E. |

**Genevo — Svisujo.**

S-ino Mario Milsom. Pont de l'Arve. Help. Kor.

**Samos — Turkujo.**

F-ino Stassa Angelopulu. Haveno de Vati. Kor.

---




---

## PLI PROKSIME DE VI, SINJOR'!

(Al la memoro de l' Viktimoj de la „Titanic".)

---

1. Pli proksime, pli proksime
   De Vi, Sinjor'!
   Jen la krio, jen la preĝo
   De nia kor'!
   Se multpezas la doloroj,
   Se varmege fluas ploroj,
   Plej proksime apud vi
   Gardu nin, ho Di'!

2. Post laboro ni ripozu
Ĉe Vi, Sinjor'!
Ni en tentoj helpon trovu
Ĉe Vi, Sinjor'!
Se ni ĝojas en prospero,
Aŭ ĝemadas en mizero,
Plej proksime apud Vi
Gardu nin, ho Di'!

3. Ni sentime glitas, ludas
Sur monda mar',
Malgraŭ rifoj, glacimontoj
Kaj ventegar'!
Se perfidas nin la sorto,
Se eĉ frapas nin la morto,
Plej proksime apud Vi,
Gardu nin, ho Di'!

Frato IZIDORO.

# Esperanto-Movado.

### Pri „malĝustaj asertoj."

Devigite, sed kontraŭvole, denove mi devas priparoli en E. K. aferojn, kiuj fakte staras ekster ĝia rekta programo. E. K. havas sian propran materialon kaj ĝiaj paĝoj ordinare ne priokupas sin pri puraj Esperanto-aferoj. — Kompreneble en la rubriko „Bibliografio" mi priparolos la „por recenzo" alsenditajn presaĵojn ĉiuspecajn, eĉ ne-esperantlingvajn, kiel mi pruvis en la Maja kajero, en kiu mi priparolis germanlingvajn presaĵojn de la Aŭstria Katolika Junularmovado.

En Majo ankaŭ mi recenzis la „por recenzo" alsenditan broŝuron de S-ro HODLER: „Kiel nin organizi." Kvankam laŭ mi la realigo de tiu proponita solvo estos plej danĝera por la Esperanto-movado mem, mi tamen en mia recenzo esprimis mian opinion kiel eble plej modere kaj milde, certe pro tio, ke mi tre simpatias je la utilega U. E. A. kaj

rekonas ĝian grandan valoron por la Esperanto-propagando; U. E. A. estas efektive konvinkiga propagandilo por ni, propagandistoj. — Spite tio, mi ricevis „tre energian proteston”, komentariitan tiamaniere, ke montriĝis nekuracebla fanatikeco, kiu, surda kaj blinda por ĉiu racieco kaj bonfido, senripoze daŭrigas perforte altrudi sian opinion kaj perforte subpremi ĉion ne alkonformiĝante al tiu, por triumfigi tiel la arbitrecon, la maldisciplinecon, la diktatorecon.

Efika respondo al tiu atako, kiu estis pli atako kontraŭ la ordo kaj disciplino, ol persona atako, estis necesega. Mi do defendis min kontraŭ tiu malsaĝa kaj neracia atako en la Junia numero de E. K.

En E. K. la afero post tiu defendo kontraŭ tiu atako, estis tute finita, kaj mi skribis tuj post la apero de la Junia numero al nia Prezidanto P-ro RICHARDSON, ke, post kiam mi respondis al atako kontraŭ recenzo de libro, alsendita al mi „por recenzo”, la afero definitive estas finita.

Mi tamen post tio — ĉiuokaze tro malfrue por presigi en la Julia numero de E. K. — ricevis artikolon de S-ro HODLER kun *postulo* presigi ĝin en E. K. — Mi respondis detale, ke la afero estas finita en E. K., ke lia artikolo enhavas plejparte aferojn, kiuj nur kaŭzigus senfinan kaj senutilan disputadon inter nia organo kaj li, plue ke lia artikolo grandparte ripozas sur neĝusta kompreno kaj malĝusta interpretado de mia artikolo. Mi fine skribis, ke kvankam mi decidis, ke la afero estas finita en E. K,, mi tamen volonte farus escepton por HODLER kaj ke mi en E. K. presigos lian respondon, kondiĉe, ke ĝi estu kiel eble plej mallonga kaj necesigus nenian aŭ almenaŭ nur plej mallongan aldonon miaflanke.

S-ro HODLER tamen rifuzis tion, kaj denove *postulis* presigon de sia unua artikolo, aldonante ke, ĉar li estas nomata en mia artikolo, li *rajtas* vidi presitan sian respondon senŝanĝe.

Stranga afero laŭ mi: S-ro HODLER sendigas al mi sian broŝuron „por recenzo”; mi recenzas ĝin en la Maja numero de E. K.; pro atako mi devas defendi mian recenzon en la Junia numero; — kaj kiamaniere recenzi laŭ lia

deziro libron de S-ro HODLER, sen nomi lin . . . sed se mi nomus lin, li *rajtas* plue presigi *ĉion ajn, kion li bontrovas poste alsendi*, en la recenzanta revuo!!

„Mi — kiel mi skribis la 11-an de Julio al P-ro RICHARDSON — tamen ne lasas min *ordoni* de fremdulo en mia propra domo; des pli ne, ĉar lia artikolo enhavas ĉiuspecajn flankajn asertojn, kiuj kaŭzus senfinan interdisputadon en E. K. En Nederlando oni nur rajtas postuli — kaj prave — ke redaktoro korektu malĝustajn aŭ malverajn asertojn aŭ esprimojn. Kaj mi mem konsideras tion konsciencdevo. — Tamen ne sufiĉas, ke la esprimoj estu *nomataj* malĝustaj, sed ili devas esti *efektive* malĝustaj. Mi tamen en la tuta alsendita artikolo, kies presadon en E. K. postulis S-ro HODLER, povas trovi ne unu valoran pruvon pri *efektive* malĝusta aserto en mia Junia artikolo. Pro tio mi nenion pli presigos en E. K. pri tiu finita afero".

Tion mi skribis en letero al P-ro RICHARDSON la 11-an de Julio; en tiu letero mi do konstatas, ke S-ro HODLER havas neniun *rajton postuli* la presadon de la alsendita artikolo, pro tio, ke ĝi enhavas nenian valoran pruvon de *efektive* malĝusta esprimo aŭ aserto.

Mi insistas pri tiu ĉi fakto, ĉar el mia korespondado montriĝas, ke mi skribis tion antaŭ ol mi ricevis la oficialan organon de U. E. A. *Esperanto*, numero de 5 Julio 1912. Mi ricevis tiun numeron la 12-an de Julio.

Kiom mi miris, legante sur p. 189 noton sube de la paĝo, en kiu S-ro HODLER diras pri mia artikolo en la Junia n-o de E. K. nur jenajn: „Tiu ĉi enhavas pri U. E. A. kaj ni „mem diversajn malĝustajn asertojn, je kiuj mi sendis res„pondon por enpreso en E. K. mem."

„*Diversajn malĝustajn asertojn*"....

Volonte S-ro HODLER dum tuta jaro presigis en *Esperanto* la fiaĵojn de cinikaj Esperanto-gazetoj, silentadante pri ĉiu honesta Esperanto-gazeto, kies opinio ne tute estas konforma al la lia — sed, ĉar la okazintaĵoj lasttempaj devigas lin almenaŭ citi la nomojn de pororganizaj gazetoj, li ne hontas aldoni al la nomo de nia gazeto noton, kiu ne estas „malĝusta aserto", sed rekta *mensogo*.

Ni legas en la Julia *La Holanda Pioniro* „Publikan Proteston" de la Redakcio kontraŭ gazetaĉo pseŭdo-esperantista, kiu asertas, ke „la tuta letero de D-ro ZAMENHOF al *Pola Esperantisto* (krom la lastaj linioj) ne estas lia, sed fabrikata en Parizo, per kiuj vortoj oni deklaras nian Majstron marioneton en la manoj de aliaj". — Vere, *„la tuta movado favore al U. E. A."* cinike imitas la ekzemplon donitan de S-ro HODLER, tuj post fermo de La Sepa kaj malfermo de la dua Kongreso de U. E. A. en Antverpeno. La disciploj superas la instruiston. Kaj kiam oni ne hontas mensogi tiel publike en la kontraŭorganiza kampo kontraŭ evidentaj faktoj rilatantaj nian Majstron mem, kia sorto tiam atendas la simplajn Esperantistojn?!

Nun denove S-ro HODLER trompas la legantojn de *Esperanto*, al siaj multaj „malĝustaj asertoj" lasttempaj aldonante tiun de la noto en *Esperanto* 5 Julio. Mi apelacias miajn legantojn, ĉu ili povas efektive malkovri „diversajn malĝustajn asertojn" pri U. E. A. kaj pri S-ro HODLER en mia Junia artikolo „La Organiza Demando?" — En sia respondo al tiu artikolo S-ro HODLER volas kredigi nin, ke ĉio, kio okazis en U. E. A.-kampo tute ne rilatas al U. E. A. Li tute volas forgesigi nin, ke li en la Dua Kongreso de U. E. A. en sia kvalito de direktoro de U. E. A. flirtigis la revolucian flagon en oficialaj kunsidoj de tiu U. E. A.-Kongreso; ke li en sia kvalito de direktoro de U. E. A. eldonis la broŝuron: „Kiel nin organizi", k. t. p.; ke ne li estas unu el la kondukantoj de la tuta ribela movado en kaj ekster U. E. A. Kaj ĉio estus nur lia *persona* afero, ne iom eĉ rilatante al U. E. A.! Tiel S-ro HODLER aldonas ofendon al siaj kontraŭuloj, supozante ĉe ili idiotan naviecon. Tute ne estas „malĝusta aserto", ke ĉio, kio okazis la lastan jaron en kaj ĉirkaŭ U. E. A., havas rilaton al U. E. A.

Mi ne kutimas paroli en orakola maniero, sed ĉiam diras mian opinion klare kaj motivite, ankaŭ en mia Junio artikolo. Oni ne legu en ĝi aferojn, kiuj ne estas troveblaj en ĝi. Kaj mi provizore volas ankoraŭ supozi, ke S-ro HODLER, kies revolucia sukceso lasttempe subite finiĝis, en embaraso senpripense skribis sian „malĝustan aserton" pri

„diversaj malĝustaj asertoj“ en mia Junia artikolo. Tamen li pruvu, ke li ne volas konscie trompi siajn legantojn, kaj miavice mi postulas, ke li presigu el mia artikolo — ne *diversajn* — sed nur *unu* malĝustan aserton, konsiderate la kunteksto; tamen *efektive* malĝustan aserton, ne „teorian“ aŭ „fantazian“ [1]) malĝustan aserton. Kaj kiam S-ro HODLER ne povas citi unu malĝustan aserton, aŭ kiam li, se li ne povas tion, ne korektu sian senpripense skribitan malĝustan noton en *Esperanto* 5 Julio, tiam mi bedaŭrinde estos devigata publike averti la Esperantistojn pri la nefidindeco kaj malverdireco de la oficiala organo de U. E. A., ĉar de post unu jaro ĝia redaktoro presigis en ĝi sufiĉe da efektive malĝust-kaj malverdiroj (i. a. pri la kotizo de la rajtigitaj delegitoj).

Miaflanke mi konsideras esti mia konsciencdevo, korekti en E. K. ĉiun aserton el mia Junia artikolo, kiun S-ro HODLER efektive pruvos, esti efektive malĝuŝta.

Cetere la afero estas finita en E. K. D-ro SMULDERS.

---

[1]) Ĉu ne estas strange, ke S-ro HODLER, kiu en la jarkolektoj de *Esperanto* presigis tiom da mirinde gravaj artikoloj, nun lasttempe al la refutantoj de liaj organizaj ideoj respondas ofte nur per senenhavaj vortoj. Ekzemple: „malĝustaj asertoj”.

Tiel li ekzemple nomas tion, je kio li ne povas efike respondi, „teorio” aŭ „fantaziaĵo”, pruvante per tio, ke tiuj, „teorioj” kaj „fantaziaĵoj” estas tiel trafaj, ke li havas nenion por kontraŭdiri. Asertoj pri „teorio” „fantaziaĵo”, vere ne estas efikaj pruvoj, sed konfeso de malpoveco.

En *Esperanto* 5 Julio li citas peceton de la bonega artikolaro pri la organiza demando en *Germana Esperantisto* (MÖLLER & BOREL, Berlin). Tiu peceto estas konkludo de G. E. el faktoj. Tamen S-ro HODLER, represante tiun konkludon el longa artikolo, silentante pri la pruvoj, aldonas noton:

„Tiu pure teoria aserto devus esti pruvita per faktoj”.

S-ro HODLER forgesas aldoni, ke la *Germ. Esp.* jam donis tiujn faktojn; ke ĝi eĉ citis *Esperanto* mem. Koncerne „teorion”, li forgesas, ke li mem tute flankenmetis la historian evoluadon de nia movado, ke li ne konsideras la karakteron de la demando, ke li forlasis la realecon ekzistantan kaj fariĝintan de post 25 jaroj; ke li tute ne konsideras la naturan nedevigan iradon kaj direkton de

nia movado. Li artifike konstruas teorion, al kiu la efektiveco devas alkonformiĝi, li formas ideojn, al kiuj la eksteraj aferoj devas alĝustiĝi. Li ne havas firman teron sub siaj piedoj, sed pendas en la aero per flugiloj de revoj kaj fantazio. Ĉar lia solvo neas la historion, la evolucion, la celon kaj esencon de la Esperanto-movado (kiel mi pruvis en miaj antaŭaj artikoloj), do estas tute *teoria*. Kaj kiam li kulpigas siajn kontraŭulojn, kiuj deziras laŭnaturan evolucion de la Esperanto-movado, pri „teorio" kaj „fantazio", li per tio nur teoriigas kaj fantaziigas la Statuton de U. E. A.: ĉar tiu ĉi lasta estas la reala bazo de la rezonado de tiuj, kiuj kontraŭbatalas lian solvon. Se do iliaj rezonadoj estas „teoriaj", S-ro HODLER per tio teoriigas la bazon de ilia rezonado, alivorte asertas, ke la Statuto de U. E. A. posedas nenian realecon. Tio ĉi estus la konkludo el liaj asertoj pri la „teorieco" de la artikoloj de liaj kontraŭuloj.

Mi ankoraŭ volas atentigi pri la nekonsekvenco de S-ro CART kaj aliaj, kiuj tiel kortuŝe defendas la Fundamenton de Esperanto, kaj kiuj samtempe kontraŭbatalas la decidojn de La Sepa. Efektive la Fund. de E. valoras pro tio, ke ĝi estas akceptita de la Unua Kongreso en Boulogne laŭ deziro kaj volo de la Esperantistaro. Neniu arbitre povas ŝanĝi ĝin. Ido spertis tion. Nur eventualaj ŝanĝoj en ĝi valoros, se ili okazos per la volo de la Esperantistaro, ne se ili okazos abrupte per arbitraj ordonoj aŭ altrudoj de apartaj demagogoj, eĉ ne de D-ro ZAMENHOF mem.

Kontraŭbatalante la laŭdisciplinajn decidojn de iu kongreso, malŝatante la decidojn de la plimulto de la partoprenantaj Esperantistoj, oni samtempe malfortigas, subfosas la Fundamenton de Esperanto, kiu valoras nur pro la sama motivo. La „fideleco" de S-ro CART al la Fundamento estas nur „teoria", ĉar la Esperantistoj ne estas fidelaj al la F. pro tio, ke S-ro CART volas aŭ deziras tion, sed ĉar la plimulto de la Esperantistaro akceptis ĝin kaj volas ĝin; ĉar la decido de la Unua Kongreso estas respektata. Tiu, kiu ne postulas obeon al la decidoj de La Sepa, tiu ne rajtas postuli obeon al la F. de E.

Ankaŭ la Organiza Demando ne estas afero de eminentulo, de privata persono, sed afero de la Esperantistaro, tiel same kiel ĉe la Lingva Demando. Tiuj kiuj imitas la revoluciemajn en sia malrespekto por la rajtaj decidoj de la Sepa rilate al la organiza demando, faras la samon kiel la idistoj en la lingva demando. En ambaŭ aferoj kelkaj personoj povas okazigi skismojn; sed nur la fideluloj tiel en la lingva kiel en la organiza demando, unuvorte **la disciplinuloj,** estas la veraj Esperantistoj. D-ro SM.